# MIRMEKOBO 14

## aŭgusto 2011

**Redaktoro: Donald Broadribb**

***La URL de la retejo de Mirmekobo estas:***

http://web.me.com/donbroadribb1/

La besto en la bildo sur paĝo 1 estas orfa valabio, blinda pro kataraktoj. Oftalmologo donace operaciis por malblindigi ĝin. (Insulo Garden, Okcidenta Aŭstralio)

## TABELO DE ENHAVO

**poezio** *Somera urbo* de Anneke Schouten-Buys.........3

**artverkoj** *Punto ekde ĝia ekesto ĝis hodiaŭ: la arto de brodado,* de Vera Milićević kaj Lepa Diponegaro.........4

**naturo** *Folio kaj plumo,* de Donald Broadribb.........9

**literaturo** *Inversa kanono,* de Paolo Maurensig.........11

**enigmo** de Sen Rodin.........12

**spritaj anekdotoj** *Preter l' trikvarono de l' vojo,* de Gian Piero Savi.........13

**bildoj** *Sciuroj*.........19

**fikciaĵo** *Profesio: spacosekcisto*, de Francisko Lorrain.........25

**humuro** *Hunda vivo — homa vivo,* de Siv Burell.........26

**faŭnaj strangaĵoj** de Sen Rodin kaj Julia 'Sigmond.........*27*

## Ĝenerala Informo

*Mirmekobo* estas per-interreta eldonaĵo senpage abonebla, ankaŭ individuaj numeroj estas senpage haveblaj. Ĉiu persono rajtas kontribui al la enhavo de *Mirmekobo.* Neniu surpapera formo de *Mirmekobo* ekzistas. La kialo estas ke la presado kaj dissendado de surpapera ekzemplero estus tre multekosta, tiel ke abono estus ankaŭ tre multekosta. Tamen, se vi mem deziras presi per via komputilopresilo por vi aŭ por alia(j) persono(j) ekzemplerojn de *Mirmekobo*, tion vi rajtas libere fari. Ankaŭ la perretan formon vi rajtas libere dissendi.

La redaktoron vi povas kontakti ĉe

mirmekobo@mac.com

# poezio

## Poemo

### de Anneke Schouten-Buys

**Somera urbo**

Bruas aŭtoj poamase
homoj kuratingas busojn
aŭ el stacidomoj svarmas.
Inter ĉio ĉi zigzagas
promenantoj kaj bicikloj.
Sed feliĉe super ĉio
aŭdas mi ke kantas griloj.

Mire vagas mi tra stratoj
preter loĝ- kaj vendejblokoj,
de elfore vidas turojn
televidajn kaj preĝejajn.
Sed feliĉe en la parko
aŭdas mi ke kantas griloj.

Eblas ja internacie
manĝi, eĉ tajlande, ĉine;
vendas vestojn kaj ornamojn
afrikanoj, slavoj, hindoj
kaj aldone muzikistoj
el la kvar ventodirektoj
melodias aŭ bruegas.
Sed feliĉe ĉi-vespere
aŭdis mi ke kantas griloj.

# artverkoj

## Punto ekde ĝia ekesto ĝis hodiaŭ: La arto de brodado

**de Vera Milićević kaj Lepa Diponegaro**

tr. Mirić Jadranka (Serbio)

Jam de la ekapero de kudrilo kaj fadeno datas la arto punti. Punto estis uzata por ornami vestaĵojn kaj inajn kaj virajn. Lerteco de puntado estis flegita en ĉiuj regionoj de eksa Jugoslavio. En kelkaj regionoj ĉi tiu artfako estis aparte disvolvigita. Estis tre konata Sinjska brodado aŭ paŝka brodado. La grandan valoron havis bonege puntfarita lepoglava punto. En ĉirkaŭaĵo de la marborda urbo Zadar kaj la urbo Zagreb (hodiaŭa Kroatujo), aŭ en Cetinje (Montenegro) oni povas trovi malnovajn sed tre valorajn ekzemplerojn de la puntomanlaboraĵoj. Ni estas atestantoj ankaŭ ke en la lastaj jaroj en Eŭropo estis "Hito" (ŝik-romantika modo) de niaj avinoj!. Oni uzas punton en nuntempa vestado, precipe en ornamado de domoj. Hodiaŭ virino trovas brodadon kiel unu aspekton de malstreĉiĝo post pena doma aŭ oficeja laboro. Multaj inoj laŭprofesie estas puntofaristinoj. Ili profesie laboras en puntofarejo kaj tiamaniere pliefikigas doman buĝeton. Popolaj manlaboraĵoj havas diversspecajn produktajn programojn: popola trikado kaj teksado estis uzataj por krei belegajn plankajn tapiŝojn el lano. Ĉiuj teksaĵoj portas riĉajn motivojn el popola tradicio, laŭ etno kaj folkloro. Do, "Kukičanje"-Brodado estas malnova popola arto kie filigrana lerteco "desegni" estis esprimata per fadeno. Ĝi tenis sin daŭre ĝis nuntempo kaj pliriĉiĝis per novaj ideoj kaj teknikoj de brodado.

Popola brodado sur tolaĵoj estas farata el katuno kaj lano en industria produktado kaj en domaj manlaboraĵoj. (Por domaj bezonoj, por hotelaj bezonoj, en turismaj objektoj.)

Popola trikado per kudriloj nomiĝas kroĉado (oni elfaras tablotukojn, ornamitajn puntojn, diversformajn kroĉetaĵojn k.t.p.

Unu el la plej grandaj teksaj fabrikoj estas Katuna Enterpreno en Vranje, kaj en Surdulica "Popola manlaborejo", ankaŭ multaj aliaj tekstilaj fabrikoj ekz. Niŝ, Pirot, Užice.

Kunlaborado inter popolaj enterprenoj el Surdulica kaj dommastrinoj el vilaĝoj proksime de Surdulica aŭ el la vilaĝoj de sudomorava regiono abundas. Multaj virinoj dungitas en la fabrikoj, aŭ restas en vilaĝoj kaj tiamaniere efikigas siajn hejmbuĝetojn. La graveco de bona kono de manlaboraĵoj daŭris en Eŭropo kelkajn jarcentojn. Reĝo Sijama sin adresis en la jaro 1614 al la angla

Reĝo James I, petegante lin ke li trovu Anglinon al kiu li edziĝus. Oni disponigis junulinon kies ĉefa karakterizo estis "bonega konanto de muziko, kudrado kaj ĝentileco".

Kiom multe oni aprobis kaj popularigis manlaboraĵon atestis epitafo sur la tombo de Katarina Sloper, kiu mortis en 1620 kaj estis enterigita en la tombejo de Westminster Abbey. La epitafo diras al ni ke ŝi estis bonega kudristino. En Francujo, en la 14a jarcento, la punto estis tre populara. Oni aprezis manlaboron kaj virinoj lertaj je kudrilo kaj fadeno fariĝis famaj kaj estimataj. Tio, unuavice rilatas al abatinoj. Por junulinoj estis plej granda laŭdo kiam iu diris ke ŝi "ŝi estis edukita kvazaŭ en abatejo". En la araba mondo la puntarto estis jam konata en la 13a jarcento. La hispanoj tiun teknikon ellernis de Maŭra, kaj Krucmilitistoj revenantaj alportis ĝin en Italujon.Tie, en Genoa oni ellaboris la urbanan punton havantan pli belan formon ol la araba kaj la franca. La italoj, kiuj asertis ke ili elpensis teknikon de puntado per kudrileto, elfaris, interalie, belegajn renesansajn puntojn.Tio estis eternigita sur multaj pentristaj toloj de la granduloj. Tiam oni alnomis tiun manlaboraĵon *punto a grapo*! Aŭ simple *gropasi*! *Punto a grapo* diferenciĝis laŭ sociaj klasoj. Noblaj Romaninoj brodadis borderojn sur tablotukoj, kaj vilaĝaninoj loĝantaj ĉirkaŭ Romo ornamis la randojn sur ŝaloj kaj sur la kaptukoj. Populareco de brodaĵoj vastiĝis Eŭrope al nordo. Oni konjektas ke en la 17a jarcento Reĝino Mary, la edzino de William of Orange, laŭ deveno dano, transdonis tiun sperton en Anglujo. Oni diradis ke ŝia pasie plej favorata sinamuzo estis brodado, ĉar ŝi kapablis brodadi longhore. Ŝia pasio por brodado estis granda. Se estas kredeble, laŭ ŝiaj financaj kalkuloj, la elspezo pri manlaboraĵoj el 1694 atingis la grandan monsumon 1984 pundoj jare. Sed ŝia edzo, William, estis pli granda malŝparulo ol ŝi. La jara kalkulo por liaj elspezoj por puntoj ornamaj sur la elektitaj kravatoj, nazotukoj, ŝultrokovraĵoj por razado kaj por hartondado, estis 2452 pundoj!

En la malfrua Georga epoko la punta arto estis reĝa amuzaĵo. Tiam estis tre laŭdata Reĝino Charlotte, la edzino de Reĝo Georgo III, pro sia lerteco je brodado. Ĉe malforta kandellumo, dum tedaj vesperoj en salonoj vaste troveblaj en Anglujo, puntado estis favorata laboro.



# *Kaj kelkaj ilustraĵoj el pripunta libro*










Plumo Folio

Ĉu la simila strukturo estas nur akcidenta? Aŭ ĉu la kunevoluo de plantoj kaj de bestoj bezonas ankoraŭ pli detalan analizon? (Aŭ ĉu tiu analizo jam ekzistas sed simple ne estas ĝenerale diskutata kaj instruata?) Laŭinforme, la birdoj evoluis el dinosaŭroj. El kiu praspecio evoluis la folihavaj plantoj? Ĉu iu leganto de *Mirmekobo* estas fakeksperto pri la historio de la evoluapartiĝo de bestoj kaj plantoj? Kaj kio scieblas pri la evoluapartiĝo de bakterioj, virusoj, kaj aliaj vivestaĵoj?

# Inversa kanono

**de Paolo Maurensig**

(Tradukaĵo el la itala, de la komenco de “Canone inverso”, romano, eld. Mondadori, Milano, 1996)

**tr. Roberto Pigro**

Antaŭ nelonge, ĉe aŭkciejo pri muzikaj instrumentoj, en Londono, mi sukcesis akapari — je nur dudek mil pundoj – violonon de Jakob Steiner. Temas pri unu el la plej ŝatataj tirolaj liutfaristoj de la 17ª jarcento. Mi rigardis min bonŝanca: mi aĉetintus ĝin je ajna prezo. La instrumento estis liverita al mi la postan matenon ĉe la hotelo Dorchester, kie mi loĝis.

Sur la informa slipo aperis la nomo de ĝia lasta posedanto: frenezulejo de Vieno, kiun mi bone konis. Tiutage, mi preparis precizan, skrupulan ritaron. Unue mi mendis la tagmanĝon en mia ĉambro, post kio, ĝisinte la serviston, mi ŝlosis la pordon, elpaperigis la pakaĵon, prenis la instrumenton el la kartonskatolo kaj apogis ĝin sur malaltan satenan fotelon, laŭcele delokitan al la mezo de la ĉambro. Mi fermis la kurtenojn kaj plurfoje ŝanĝis la pozicion de la fotelo por trovi la plej taŭgan lumon. Fine mi eksidis ĉetable. Mi estis jam antaŭgustumanta plezurigan posttagmezon: la renkonton, la sekretecon, la rigardojn, la atendon. Mi kondutis samkiel ĉe unua rendevuo kun bela virino.

La komparo netaŭgas nure pro tio, ke la objekto de mia deziro havis pli ol 300 jarojn. Cetere mankis nenio: pasio, ĵaluzo, nesatigeblo, inkluzive la timon – daŭre superŝveba - pri eventuala perdo. [...]

Ĝuste kiam mi sidiĝis, la telefono sonoris. El la akceptejo, oni anoncis al mi la viziton de ulo veninta rekte de Christie’s. Mi opiniis, ke temas pri plia formalaĵo rilate la aĉeton, sed la viro, kiu iom poste alvenis al mia pordo, oficisto ne ŝajnis. Li malkvietis. Li unue demandis, ĉu mi estas la persono, kiu hieraŭ aĉetis violonon ĉe la aŭkciejo.

Pro la rekteco de la demando, mi ektimis, ke li estas policisto alveninta — kiu scias? — por komuniki ian malregulaĵon okazintan dum la aĉetado. Foje ja okazas, eĉ se malofte, ke iu aŭkciita aĵo montriĝas esti ŝtelita, perdita aŭ ial nevendebla kaj tio nuligas la transakcion.

Min prenis forta maltrankvilo. Mi jam imagis min redonanta mian altvaloran violonon. Sed la viro, kies nomon mi estas jam forgesinta, ne estis reprezentanto de la leĝo. Mia aĉeto estas tute laŭregula, li mem konfirmis tion al mi, ekkonsciinte mian angoron. [...] Mi klopodis min persvadi, ke la nekonato ne estas minaco por mia violono. Sed mi ne estis kvieta. Mi ne komprenis la kialon de tiu vizito.

Se juĝi el lia konduto, mi dirus, ke li estas kolektisto, amanto de malnovaj instrumentoj, kiu, venkite per rapido, volis simple gratuli tiun, kiu estis pli bonŝanca ol li, kaj eble adiaŭi lastafoje tiun altvaloran pecon por ĉiam perdiĝintan. Krom se...

Kaj preskaŭ tuj okazis kion mi pritimis. Fariĝinte abrupte nervoza, kvazaŭ li proponus ion malpuran, la viro petis al mi cedi al li la violonon je la duoblo, eĉ je la trioblo, de la sumo pagita. Mi difinu la prezon, li diris, kvazaŭ fortrenite de sia plumpeco mem.

Fine, kvazaŭ elĉerpite de sia ellaso, li petis al mi la permeson eksidi kaj lasis sin fali sur la fotelon. "Tio ĉi estas la pruvo, ke mi ne estas sonĝinta...", mi aŭdis lin flustri, kvankam ŝajnis, ke ne al mi li parolis. Mi ne klopodis malkovri la sencon de tiuj vortoj.

Ni restis mergiĝintaj en silento ŝajne sena je elirejo. Nek mi volis ion demandi al li nek li emis malfermi sian buŝon.

---

# korekto

En la artikolon "La metodo de konstruado de la Al Jizah-piramidoj ne plu estas mistero" de Henry Broadbent enŝteliĝis erareto: la mezurita angulo de Ĥufu ŝanĝiĝis de 51,87 al 52,33 kiu estas la angulo de Ĥefreno. Ni pardonpetas pro la eraro.—Red.

---

# enigmo

**verkis Sen Rodin**

En la jena rektangulo troviĝas tri frazoj:

1. - Tiu ĉi frazo enhavas ses vortojn.
2. - Tiu ĉi frazo enhavas kvar vortojn.
3. - En tiu ĉi rektangulo unu kaj nur unu frazo diras la veron.

DEMANDO: Ĉu la frazo numero 3 diras la veron aŭ la malveron?

*Solvo sur paĝo 31*

# spritaj anekdotoj

## Preter l' trikvarono de l' vojo

**** El la universitata RID-punkto ****

**de Gian Piero Savi (Israelo)**

### ENKONDUKO

La protagonisto de la sekvaj universitataj travivaĵoj estas mi mem, emerita informadikisto, kiu atingis kaj jam transpasis la laŭstatistikajn tri kvaronojn de la vivo.

Nia protagonisto estas Johan Peĉjo Saĝulo. Saĝulo, ne tial ke li ĉiam estis aŭ hazarde fariĝis aparte saĝa homo sed nur pro lia itala familia nomo SAVIO, nome saĝulo! Temas ja pri ŝerco de l' destino, tiu destino mem kiu ne nur devigas lin daŭre streĉi al saĝeco sed eĉ faris lin esperantisto. Ekde tiam li daŭre vivas en hamleta dilemo:

*"Ĉu pli indas esti esperanta saĝulo aŭ ne esti saĝa esperantisto? … Jen demando!"*

## Italujo: La moŝta "ni" *(Pluralis maiestatis).*

Unu el la iam tre konataj retorikaj esprimoj, kiu malkutimiĝis kaj nuntempe preskaŭ malaperis estas la moŝta "ni". Uzis ĝin persono, kiu, parolante aŭ skribante, rilatis al si mem uzante la unuan personon pluralan "*ni*" anstataŭ la singulara "*mi*". Tiu ĉi kutimo troviĝas en la tradicio de multaj landoj kiel formala esprimo uzata fare de reĝoj, papoj kaj aliaj gravgravuloj (kaj ĝuste pro tio oni ĝin difinas "moŝta ni").

Antaŭ pli ol kvardeko da jaroj en Torino (Italujo) nia protagonisto vizitadis la lokan universitaton kiel studento pri la tiama novega fako INFORMADIKO (t.e. gigantaj tiamaj komputiloj).

Kaj kie troviĝis la fakultato pri tia modernega fako? Nu! Kompreneble en historia granda palaco, kies arkitekturo, kvankam elstara ekzemplo de renesanca arto, tute ne taŭgis kiel ejo por universitata fakultato. Vintre, oni ĝisoste frostiĝis kaj somere, regis en la palacego neeltenebla varmego. La klasoj estis malgrandaj kaj ĉiam nekredeble plenŝtopitaj. Sed plej terura estis la nesufiĉeco de necesejoj: nur kvar klozetoj en la tuta kvaretaĝa konstruaĵo, ĉiuetaĝe po unu klozeto. Eĉ kiam ili ĉiuj regule funkciis, kaj tio okazis sufiĉe malofte, la premo de kelkcentoj da studentoj sur tiaj necesejoj estis nepriskribebla.

Iumatene la protagonisto atingis la fakultejon malfrue kaj alproksimiĝante al la koridoro en la tria etaĝo, ekaŭdis bruegon, kies kialon li baldaŭ malkovris. Kriza situacio: la sola uzebla necesejo estis tiu de la tria etaĝo. Longa vico de

gestudentoj staris antaŭ ĝia pordo kaj onidire jam pli ol dek minutojn iu okupadis la necesejon. La unuaj studentoj en la vico ekfrapis la pordon sed neniu reago okazis: la pordo restis fermita. Tiam hajlo da batoj ekfalis sur la pordon kaj la tuta atendanta studentaro pli kaj pli bruis kaj ĥore ekskandis la krion "Li-be-ri-gu la necesejon! Li-be-ri-gu!”

Subite, aŭdiĝis el la necesejo tondra voĉo:

«Sufiĉas! Ĉi tie estas “**NI**”!».

Dum momenteto la amaso silentis sed, kiam la pordo de la necesejo malfermiĝis, eksplodis laŭta konvulsia ridego de la tuta studentaro: lia universitata rektora moŝto majeste kaj grandpompe ekpasadis tra la amaso da studentoj, kiuj ege scivoleme rigardis por malkovri kiu alia estis kune kun la universitata rektora moŝto en tiu malgranda necesejo.

## Israelo I: Dusencaĵo

Nia protagonisto forlasas Italujon kaj sian postenon en Esploro kaj Disvolvo de la firmao Olivetti. Jen li, klopodanta per ungoj kaj dentoj integriĝi en Israelo. Freŝbakita doktoro pri informadiko, nova enmigrinto, preleganto ĉe tute nova universitato, fiera kaj entuziasma pri la idealisma kaj grava tasko fondi prestiĝan fakultaton pri informadiko en plena dezerto. Tiucele li entuziasme ĉiam volontulas kaj prenas sur si ĉiun rilatan taskon.

Tial ni trovas lin en aŭditorio fronte de kelkcentoj da instruistinoj dum prezentado de tiam revolucia persona komputilo. Kiel kutime ĉe tia publiko regas bubeca etoso, sed pro la alloga temo kaj scivolemo, preskaŭ ĉiuj silente atentas la prelegon.

La preleganto nun estas prezentanta la tiaman “flekseblan disketon”. Kelkaj el vi, certe rememoras, ke fiksitaj diskoj tiam ne ekzistis kaj por memorigi kaj konservi komputilajn programojn kaj informojn oni uzis magnetajn flekseblajn disketojn.



Oni ja povis fleksi ilin. Tamen ili estis tre facile difekteblaj kaj tio ofte okazis. Do oni estis devigita uzi ilin tre atenteme kaj bone zorgi pri ilia konservado. Malpermesite skribi sur ilia koverto per globkrajono; malpermesite tro fleksi ilin. Devige protekti ilin kontraŭ polvo kaj protekti *suban fenestreton* kontraŭ la grasaĵo de la manoj.

La preleganto tre precize kaj detale listigas kaj klarigas tiujn instrukciojn rilate al flekseblaj disketoj. Dum tiuj klarigoj li vigle deklamas:

Sed ĉefe atentu pri ege grava afero: ... *absolute neniam, neniam oni metu sian fingron sur la fendon!*

En la aŭditorio subite eksplodas tre laŭta ridego. Ĉiuj instruistinoj, inkluzive de tiuj religiaj, plengorĝe ridegas ĝiskreve: temas pri vera uragano de ridadoj.

La preleganto ŝoke rigardas la publikon, vane klopodante kompreni tion kio okazis. Nur post la prelego li, ankoraŭ sufiĉe konfuzita, malkovras la tiklegan dusencaĵon (fendo = vulvo) tute ne konatan de li, nova parolanto de la lingvo.

Ekde tiam ĝisnune, nia informadika doktoro ne plu uzis tian kaŝe danĝeran vorton!

## Israelo II : Gravgravuloj

Denove ni retrovas la protagoniston en la universitato. Ĉifoje en la etaĝo de la universitataj gravuloj. Dum simplaj prelegantoj devas laŭvice uzi triope, kelkfoje eĉ kvarope, saman truan oficejon, ĉiu el la gravgravuloj havas triĉambregan oficejon.

Estas jam malfrue, pli ol la oka vespere. Neniu alia troviĝas en la ĉikaŭaĵoj. En la vasta sekretariejo de Lia Rektora Moŝto, troviĝas la rektora moŝto mem, la prezidanta moŝto kaj … paria novenmigrinta preleganto, t.e. nia protagonisto.

Neniu fremda orelo povas aŭdi la kriaĉadon inter la du eminentuloj. Nervozeco kaj streĉiteco regas la akran kverelon. Temas pri plia duelo inter prezidanto kaj rektoro: posttagmeze oni oficiale ricevis la informon, ke la universitato ne ricevos la promesitan dikan financadon por tre grava projekto en la informadika fakultato.

Kompreneble la du gravuloj, siaflanke jam delonge disdividis la promesitan torton inter siaj favoratoj (ne surpriziĝu: la protagonisto tute ne estis unu el ili!). Nun temas pri trovo de propeka kapro kaj nia protagonisto estas tre taŭga kandidato: *unue*, ĝuste li havis la ideon pri la projekto kaj preparis la postulitan dokumentadon por la oficiala peto pri ĝia financado kaj, *due*, li estas italo, do li ricevos neniun defendon fare de la usona kaj indiĝena universitataj povgrupoj.

Certe vi konas la iamajn kartonajn dosierujojn kun dorsa truo por la fingro, por faciligi ilian eltiradon el la bretaroj.



Dum la protagonisto silente gapas, la du gravuloj laŭtvoĉe furioze interkverelas kiel bazaraj vendistoj.

Subite iu grava dokumento estas bezonata kaj ambaŭ gravuloj kune sprintas en direkto de la malproksima bretaro kaj furioze ekserĉas specifan dosierujon. *Hura!* Estas la rektoro kiu unue trafas la celon: rapide identigas la bezonatan dosierujon, enmetas sian fingron en la dorsan truon kaj *komencas* eltiri ĝin el la bretaro. La prezidanto tute ne rezignas: li sovaĝe kaptas per ambaŭ manoj la elirantan dosierujon kaj perfortege tiras ĝin al sia flanko.

Timiga dolorgrimaĉo aperas sur la vizaĝo de la rektoro kaj terura krio eliras el lia buŝo: *"Ne prezidanto, ne!!!, La fingrooo, la fingrooooo!"*

La prezidanto aspektas perpleksa pro la fakto, ke li, per tutaj siaj fortoj, ne sukcesas konkeri tiun damnan dosierujon kaj *kial tiu rektora idioto tiel terure kriadas?* Finfine li kaptas la situacion kaj forlasas la dosierujon. Laŭte jelpante pro la doloro, la kompatinda rektoro zorge eltiras la dosierujon de sia ekŝvelanta ekbluiĝanta fingro.

El komedio al tragedio! Bonŝance la hospitalo estas ĝuste trans la strato kaj nia bonkora kaj altruista protagonisto urĝe akompanas la vunditan rektoron al sukurejo.

*La diagnozo*: luksacio ĉe la meza falango de la dekstra montrofingro!

*Ĉu ankaŭ alia fingro partoprenis la okazintaĵon?*

Sendube: *la fingro de Dio kiu protektas malfortulojn kaj punas la aĉulojn!*

## Israelo III : La usona vicprezidento

Granda ekscito regas en la universitato. La ataŝeo pri publikaj rilatoj kaj la universitata rektora moŝto maltrankvile saltetas tien ĉi tien. Ĉu ĉio estas en ordo, ĉu ĉiuj invititaj universitatanoj jam alvenis kaj ĉeestas? Baldaŭ alvenos "la vicprezidento de USONO" por viziti la universitaton.

Inter la invititaj universitatanoj troviĝas nia protagonisto, simpla preleganto, jam iom malnova enmigrinto ĉar li jam havas iom da servodaŭro.

Kiel eblas? Kion faras tiu ĉi ulo inter la universitataj gravuloj? Ĉu hazarde lia universitata rektora moŝto freneziĝis? Kial li invitis tiun ĉi nulon sen akademiaj publikaĵoj en la angla, kiu ne estas anglalingvano kaj eĉ mokas Usonon, la usonanglan kaj, terure, aŭdacas kritiki la israelajn subiĝon kaj adoradon de ĉiu ajn usonaĵo.

Ne, la rektoro ne freneziĝis: ĉi foje estas grava kialo por la ĉeesto de tiu italo preskaŭ triamondulo kaj ĝi estas ĝuste lia italeco. Ne kredeble! La rektoro eksciis, ke la usona vicprezidanto estas italo-usonano, t.e. liaj gepatroj estis italaj enmigrintoj. Do li ruze planis ekspluati la aferon.

Jen la usona *gravgravulo*, la usona vicprezidento… alvenas kun siaj nombraj akompanantoj kiuj kune kun la indiĝenaj universitataj gravuloj estigas karavanon de pilgrimantoj. La rektoro estas nelacigebla, vigle kaj gaie kuntrenas la karavanon por montri ĝisfunde eĉ la plej *sensignifan betoneron* de la betona universitato. Post unu horo kaj duono la homaj fortoj elĉerpiĝas kaj ĉiuj pilgrimantoj disŝutiĝas en la kafeterion. Dum oni trinkas kaj manĝetas alvenas la momento por la rektoro amuzi la gastojn.

Interalie, jen la rektoro nun kaptas nian protagoniston kaj kuntrenas lin apud la vicprezidenton dirante, kun afektita rideto:

"Permesu al mi prezenti nian "altvaloran" italan preleganton kaj esploriston pri informadiko. Mi scias ke ankaŭ vi, sinjoro vicprezidento, estas italdevena. Ĉu vi kapablas paroli iom itale?"

*Ĉiuj gaje ekatentis. La vicprezidanto replikis angle:*

«Ne, mi bedaŭras. Kvankam miaj gepatroj ĉiam parolis inter si la italan mi rememoras nur kelkajn el la preferataj dirmanieroj kaj proverboj de mia patro».

*La rektoro ne estis preta rezigni sian skeĉon kaj petolis:*

«Bonege. Diru iun italan originalan esprimon kaj doktoro Savio ĝin tradukos por ni».

*La usona vicprezidanto fiere kaj laŭte citis tian nekredeble ege vulgaran kaj trivialan esprimon, kiu restigis la protagoniston … sen spiro.*

*Kion li povas fari? Certe ne eblas ĝin traduki por tia publiko: virinoj eĉ gejunuloj, ne, tute ne eblas!*

*Nia protagonisto ne povas rifuzi, oni pendas de liaj lipoj. Dum li pli kaj pli embarasiĝas, ne atendite venis al li inspiro kaj li rapide anoncis:*

*"Domaĝe! Mi vere klopodas kompreni tiun esprimon sed ĝi estas en suditala dialekto kiun bedaŭrinde mi ne komprenas!"*

---

# Sciuroj





# Profesio: spacosekcisto

**de Francisko Lorrain (Kanado)**

Ne ridu. Mi ne estas konsilisto pri kosmaj seksumadaj aferoj. Mia laboro estas multe pli prozeca — kaj soleca.

Mi estis iam arestita. Pro kio? Mi neniam eksciis. Oni aĉe batis min. Poste mi kuŝis ligita en malhela ĉelo. Terura doloro trafulmadis mian tutan korpon. La plej nigra depresio invadis min.

Post eble longa tempo, subite, mi aŭdis, el ie ekstere, infanan ĝojkrion. Mi ekploris kaj longtempe singultis.

Dume, iom post iom, mia tuta animstato ŝanĝiĝis al kolero — koleregο! Mi mense disbatis, eksplodigis, distranĉis la tutan malliberejon kune kun miaj turmentintoj. Baldaŭ tiu imagata ago de ripetata distranĉado obsedis min.

Tiam pecoj de la muro, pordo kaj eĉ de stangoj de la ĉelfenestreto falis teren. Mi ne komprenis, kio okazas. Pligrandiĝis mia kolero. Enmiksiĝis triumfa sento. Tertremo trafis la karceron! Kun ŝanco mi baldaŭ estos libera! Mi ne plu sentis miajn dolorojn.

Tra ĉio tio, tamen, mi ekkonsciis, ke la tero fakte tute ne tremis. Duonkonscie, en mia furiozo, mi ankaŭ vidis, ke ĉiun tranĉadon akompanis mallongega lumbrilo, kiel de spegulo aperanta en la aero dum sekundono. Mia ekscitiĝo tute malaperis.

Mi observis, ke, kanaligante la senfinan riveregon de mia kolero, mi kapablas, tute konscie kaj vole, distranĉi ion ajn, aperigante unu el tiuj efemeraj “speguloj”!

Post zorga eksperimentado mi sukcesis tranĉi miajn ligojn. Kiel eble plej silente mi truis la eksteran muron, rapide malfermis mian ĉelpordon kaj tiujn de kelkaj najbaraj ĉeloj, kaj, sen klarigo, gvidis miajn samsortulojn ekster la karceron.

De tiu tempo, mi zorge kultivas, per la legado de elektitaj novaĵoj, mian koleregon. Per mia kapablo enfokusigi ĉi tiun, por momente sekci la spacon mem, mi diskrete, sekrete perlaboras sufiĉajn vivrimedojn. Tion farante, mi ĉiutage gustumas la plezuron iel aŭ tiel malhelpi iun aĉulon kaj utili al kelkaj el liaj viktimoj.

# Hunda vivo — homa vivo

**de Siv Burell (Svedio)**

Pudelo kaj vulpo-teriero renkontiĝis en vasta parko. Ili promenigis siajn mastrojn, ĉiutage. Dum la mastroj sidis surbenke sub alta kverko, la hundoj havis okazon interparoli.

“Nu”, la blanka pudelo ekkomencis. “Vi, verŝajne, sukcesis movigi vian homon eksteren. Ĉu via dupiedulo ankoraŭ ĉiam kredas, ke li estas la ĉefo via?”

La vulpoteriero svingis sian voston: ”Oni ja devas posedi paciencon pri tiuj granduloj. Ĝis la mia sufiĉe obeis...estis longa eduka vojo, vere. Sed nun mi nur diras *VUF* kaj li jam komprenas, ke mi volas surstraten, enparken. Tiuj estaĵoj ja estas tiom stultaj, nekredeble! Eĉ nian lingvon ili ne tute komprenas. Mi do prononcas klare, ĉu?”

“Vere, vi bone prononcas”, la pudelo konstatis. “Ili ja eĉ ne komprenas unu la alian. Ĉu vi scias tion? Ne? Estas tiel! Ni hundoj tutmonde komprenas niajn gefratojn, ne gravas, ĉu vertago, pudelo, ŝpico, teriero ... vere ne. Unu komprenas la alian. Ne, ĉe tiuj dupieduloj! Ekzistas blankaj, brunaj, flavaj, nigraj, ruĝaj...sed ne havas komunan lingvon!”

“Interese! Mi ne sciis tion ĝis nun. Ĉiam mi rimarkas, ke homoj estas idiotoj, ĉu? Ĉar ili metas nin en kolringon kaj kondukas nin per rimeno, ili jam kredas, ke ili promenigas nin, ha! Mi devas ridi! Kiu finfine direktas ilin en parkon? Ni! Ne male. Ili ja nur sekvas nin, ĉu ne?”

“Pravege! Mi nun permesas tiujn kolringon kaj rimenon, por ke mia homo ne miskuru. Li tre volonte irus al tiu loko, kie oni disdonas tiun trinkaĵon...nu, kiel nomiĝas… helpu al mi!”

“Ĉu temas pri biero?” la vulpoteriero demandis.

“Jes, ja, biero! Do lia ĉefino petis min, ke mi estu atentema. Afabla persono, tiu ĉi homino. Tial mi ĉiam kondukas lin en parkon…”

“Efektive, homoj estas kompatindaj estaĵoj! Ne komunan lingvon, ne propran volon, ne laŭvole trinki bieron… senutilaj vivaĵoj!”

“Senutilaj mi ne dirus. Kiel servantoj ili bone funkcias — oni nur pacience devas eduki ilin. Daŭras unu, du jarojn — tiam ili agas laŭ via volo. Unu sono devas sufiĉi — kaj ili servas al vi. Ili eĉ ne rimarkis tion. Senutilaj, ne! Iomete stultaj, jes!”

“Nu, mi kredas, ke estas tempo por iri hejmen. Vidu, mi nun demonstros al vi mian ĝisnunan sukcesplenan eduklaboron, vidu…”

La teriero tiris la hundorimenon antaŭen kaj ekbojis dufoje.

Ĝia mastro ekstaris, adiaŭis kaj ekiris hejmen.

“Bone dresite”, la pudelo murmuris. “Por la komenco jam tre bone!”

# Faŭnaj strangaĵoj

de Sen Rodin kaj Julia ’Sigmond

1. ***SE LA PULOJ POVUS FLUGI ?***

A. Mi tre ŝatas la bestojn. Eĉ la insektojn — almenaŭ kelkajn el ili. Sed estas inter ili kelkaj, kiujn mi elanime malamegas. Ekzemple la pulojn. Oni diras, ke eble mia sango estas dolĉa kaj bongusta, pro tio ili amegas min. Ekzemple certas, ke se mi vojaĝus per trajno el dek vagonoj, kaj mi sidus en la lasta, la sola pulo, kiu ĝis nun turmentis la lokomotivestron, de vagono al vagono, saltante de unu al alia vojaĝanto, sendube atingus min: ĝi ja flaris, ke en la lasta vagono troviĝas dolĉasangulino!

Bonŝance la puloj ne povas flugi. Ĉar se jes, ĉiuj puloj de la mondo flugus, trovus kaj manĝus min vivantan!

Pro tio mi jubilas, ke la puloj, tamen, ne povas flugi!

B. Se tio okazus mi bondezirus: “Sanon al la Flugantaj Puloj”!

Tiuokaze mi evitus pluajn aviadil-vojaĝojn.

La birdoj amase plonĝus en akvojn pro nehaltigebla juko.

Mi dediĉus al ili poemeton: “Puloj en lazuro”.

Ili are flugus al Vatikano: tiel la tiea koterio okupiĝus pri singratado anstataŭ pri buntaj misfaroj, kaj la papo povus proklami: jen la definitiva pruvo pri Racia Desegno.

La Heroldo aperigus artikolon: “La flugantaj puloj subskribis la Pakton!”

Oni mirus vidante flugantajn katojn, hundojn, homojn.

La esplorekipo OBM (Organismoj Biologie Modifitaj) eklaborus por krei ankaŭ Naĝantajn Pulojn.

---

***2. KIAL NE HAVAS DOMON ĈIUJ HELIKOJ?***

A. La homoj, ĝenerale, vivas en domoj aŭ tendoj.



Multaj bestoj kaj birdoj havas neston, subteran aŭ en arbotruoj. Mi ne konas la vivkutimon de ĉiuj terloĝantaj bestoj, sed jam en infanaĝo mi miris pro la heliko, kiu portas surdorse sian domon. Ofte se ni trovis helikon ni kantante petis ĝin, ke ĝi elvenu el sia domo, ke ĝi montriĝu, kaj malrapide, singardeme etendu siajn tentaklojn kun okuletoj ĉepinte. Eĉ nun mi memoras tiun kanteton:

*Heliketo, ekaperu,*
*Cia domo ekbrulas,*
*Jen por vi freŝa lakteto*
*Venu venu heliketo.*

Se sufiĉe longe ni kantis, tenante ĝin en nia varma maneto, la heliko ekaperis kaj komencis antaŭeniĝi, kun helik-malrapideco.

Strangan ideon mi havis iun fojon. Ni trovis plurajn helikojn kaj mi proponis, ke ni organizu per ili konkurson. Ni desegnis la startlinion kaj vicigis laŭ ĝi la bestetojn. Komenciĝis la heliko-konkurso. Ni ekkantis kaj atendis. Interesis nin, kiu heliko aperos unua? kaj kiu unua ekmoviĝos? Ni pacience sidis ĉirkaŭ la helika SPORT-TERENO.

Subite aperis mia Dolĉapatrino. Granda estis la silento. Suspektinda silento! Certe okazas io neordinara. Sed ŝi feliĉe konstatis, ke ni trankvile ĉirkaŭsidas, ĉar ni havas iun novan "ludon". Mire ŝi demandis, kiu inventis ĝin? Ĉiuj diris mian nomon. Ŝi miris kaj ĝojis.

Bedaŭrinde, mi jam ne memoras, kiel finiĝis tiu heliko-konkurso.



Nek pri tio mi memoras, kiam mi vidis la unuan sendoman helikon. Oni nomis ĝin "nudheliko". Nur antaŭ nelonge mi eksciis, ke fakte ĝi ne estas heliko, sed limako! Komence — kiel bonkora infano — mi kompatis ĝin, kaj interesiĝis, kial ĝi ne havas domon? Kiu forrabis ĝin? Aŭ ĉu ĝi perdis ĝin? Eble ĝi ankoraŭ ne finis la konstruadon de la domo?

Poste mi tute ne kompatis ĝin, ĉar mi eksciis, ke ĝuste ĝi estas tiu aĉulo, kiu manĝas en la ĝardeno la verdan laktukon de mi tre ŝatatan.

**B.** Oni devas distingi, kiel diris Patro Messori. Se oni uzas la korektajn faŭnajn nomojn laŭ Linneus, oni konstatas, ke ĉiuj *helikoj* havas domon, kiun ili bele transportas surdorse ekde la naskiĝo.

Se male ni parolas leĝere, frivole, senpense kiel kutimas fari ventokapaj infanoj, tiam ni nomas "helikoj" ankaŭ bestetojn, kiuj similas helikojn, sed ververe estas *limakoj* — kiel fakte la saĝa svedo nomis ilin, precize distingante ilin disde la helikoj.

Hodiaŭ, bonŝance, ĉiuj infanoj, danke al la instruaj TV-programoj, konas bone la diferencon inter *heliko* (kun domo) kaj *limako* (sen domo). Fakte oni nomas "limakaj" la familiojn ĵetitajn surstraten, ĉar ili ne pagis la lumonon. Kiam ni vidas familion loĝantan sub ponto, ni fakte diras: *"ho, vidu la limakulojn!"*

### *3. KION MANĜAS VINTRE LA KOKCINELOJ?*

**A.** Kiam mi eklernis la Internacian Lingvon, kelkaj vortoj treege ekplaĉis al mi. Ekzemple: *bedaŭrinde* kaj *nedankinde*. Inter la plej ŝatataj vortoj troviĝis la nomo de tiu eta, bela kaj simpatia insekto: *kokcinelo*.

Ĝenerale ĝi havas sep nigrajn makuletojn sur la ruĝa ŝeleto kovranta la flugiletojn. Flugante ĝi similas al bela penso, kiu tamen havas ankaŭ

malbelajn, nigrajn erojn. “Nenio estas perfekta”.

Kiam mi eksciis, ke ĝi estas tre utila insekto, ĉar ĝi formanĝas la pedikojn de sur la floroj, mi eĉ pli multe ekamis ĝin.

En mia loĝejo estas multaj plantoj kaj floroj. Okazis, ke unu el ili pleniĝis de pedikoj. Iu konsilis min, ke mi havigu kokcinelojn, ĉar nur ili povus helpi min, nome senpedikigi la malsanan planteton, kiu jam komencis velki.

Farante promenadon, mi trovis arbuston plenplenan de kokcineloj. Ĉirkaŭ dek kokcinelojn mi kolektis kaj enigis ilin en alumet-skatoleton. Mi hejmen portis kaj metis ilin sur la pedikplenan planton. Nu, ĉi tiuj kokcineloj tute ne antaŭvidis, ke tiu tago iĝos ilia “diboĉa-tago”, kiam ili povos eĉ tro satiĝi per tiuj “frandaĵoj”.



Post ne longa tempo mia planto resaniĝis, danke al la ĉarmaj kokcineloj al kiuj vere dankema mi estis, ĉar malaperis ĉiuj pedikoj.

Alvenis la aŭtuno. La kokcineloj malaperis. Kie ili loĝas nun? Kaj kion manĝas la kokcineloj vintre? Tion mi ne sciis kaj eĉ nun — post jardekoj — mi ne scias. Tiutempe al multaj geamikoj mi demandis, sed vane mi interesiĝis, neniu sciis. Kelkaj demanditoj eĉ primokis min! Ĉu tiu estas mia plej granda problemo, kiam en la mondo mortas miloj kaj miloj da viroj, virinoj kaj infanoj, pro malsato aŭ soifo?

Jes, jes, tio estas vere katastrofa kaj tristiga, tamen, ankaŭ tio estas grava, kion manĝas la kokcineloj vintre?!

Printempe reaperis sur miaj fenestroj la kokcineloj. Ili dormis ie kaj eble ili nenion manĝis?! Sed tamen, ili vivis. Kaj ekde tiam, ili estas miaj konstantaj kunloĝantoj. Miaj plantoj ne devas timi pri la pedikoj!

**B.** La inaj kokcineloj demetas la ovojn je la fino de la aŭtuno kaj forpasas. Forpasas ankaŭ la masklaj kokcineloj. Tial dumvintre la kokcineloj nenion manĝas.

Tamen malmultaj specialaj kokcinelinoj — dotitaj ne per sep sed per kvin nigraj punktoj sur la ŝelo kaj renomaj pro forto kaj lerteco — iĝas la akuŝistinoj de la tribo. Tiuj ĉi je la aŭtunfino ne mortas sed endormiĝas en dolĉa letargio, kiu daŭras ĝis la fino de marto[1]. Tiam ili vekiĝas kaj helpas la naskiĝantajn kokcinelidojn dum la peniga eliro el la ovoj kaj la unuaj malfacilaj horoj. Je sia dua vivotago la ĵusnaskiĝintaj kokcineloj, etaj kiel semetoj, danke al la zorga instruo de la akuŝistinoj lernas flugi kaj forvojaĝas al la vasta mondo. Nur tiam, plenuminte sian taskon, la

[1] En la norda hemisfero, evidente.—Red.

akuŝistinoj forpasas.

Dum la tuta kvarmonata letargio la kokcineloj akuŝistinoj mem-kompreneble nenion manĝas — kiel okazas ĉe ĉiuj letargiantaj animaloj. Dormante ili konsumas preskaŭ nenian energion: al ili sufiĉas la grasaĵo akumulita dumsomere.

---

### *4. LA SEKRETO DE LA LAMPIROJ*

**A.** En mia nova vivo post mia edziniĝo, mi ekĝuis la belegan, malnovan domon de mia edzo, konstruitan en 1724, la ĉarman ĝardenon kun multaj floroj kaj arboj, kies reĝo estas la Ĝinko Biloba, tridekjara belulo, la dolĉajn kvarpied-ulojn: hundon kaj katinojn.

Ĉio estis novaĵo por mi, urbanino, tamen, ĝi similis al la retrovita infanaĝa edeno. Ja la etoso similas al la naskiĝvilaĝo de mia Dolĉapatro, kie ni pasigis ĉe la geonkloj multajn neforgeseblajn somerajn feriojn.

Preskaŭ mi jam alkutimiĝis al ĉiuj multaj belaĵoj, al trankvilaj kaj silentaj noktoj, al amikeca pejzaĝo, kiu konstante kvazaŭ vokis nin al promenadeto, al novaj, tre simpatiaj geamikoj, kiam, iun vesperon, mi havis nekredeblan travivaĵon. Vespere, en la ĝardeno, aperis la lampiroj! Ili flugadis tien kaj reen. La tuta ĝardeno pleniĝis per la flugantaj steletoj.

Komence mi ne kredis al miaj propraj okuloj. Ja antaŭ jardekoj mi vidis ilin lastfoje, dum mia feriado en tiu belmemora vilaĝo! Antaŭ la dua mondmilito! Mi eĉ supozis, ke ili jam eĉ ne plu ekzistas. Ofte mi informiĝas, ke ĉiutage malaperas multaj specioj de bestoj, birdoj kaj insektoj, "*danke*" al la homaro, al la poluado konstanta, ĉie, sur la terglobo. Kaj jen! La dolĉaj lampiroj ekzistas ankoraŭ! Almenaŭ ili povas vivi tie, kie ankoraŭ la homoj ne neniigis entute la puran naturon!



Ŝtoniĝinte mi staris kaj rigardis la amindajn lampirojn, kies sekreton, kial ili lumigas flugante, mi neniam eksciis. Nur tion, ke la inoj ne havas flugilojn, sed tamen, ili pli forte lumigas. Mi sentis plordeziron en mia gorĝo. Ho ve! Tuj mi ekploros! Kiel grandan forton havas la nostalgio!!! Mi sentis preskaŭ tion, ke mi denove estas feliĉa infano.

Ĉiuvespere mi promenetas en la ĝardeno, por admiri ilin. La plej granda surprizo okazis tiam, kiam unu vojperdinta lampiro enflugis nian dor-moĉambron, kaj kiel fluganta eta lumtureto serĉis la elirejon. Supozeble iam ĝi trovis la liberiĝon, ĉar sekvanokte ni jam dormis sen ĝia ĉeesto.

Mi admiras kaj amegas ĉi tiun miraklan insekton.

**B.** En la 60-aj jaroj la itala verkisto Pier Paolo Pasolini skribis artikolon pri la veneniĝo de nia planedo pro la poluado, kaj kiel konsekvenco de tiu fenomeno li citis la malaperon de la lampiroj. La artikolo iĝis fama: "Kiel pruvis la

lampiroj de Pasolini ...” oni diris, parolante pri poluado. “Ha, niaj kamparoj plonĝintaj en tenebron, post la malapero de la lampiroj !...” oni suspiris.

Post 40 jaroj, en somera nokto de 2008, mia edzino Formiketo kaj mi promenadis en la ĝardeno de nia kampara domo. La ĉielo estis senluma, nur palaj steloj iomete mildigis la malhelon. Subite inter la arbaraj branĉoj aperis moviĝanta lumeto.

“Lampiro!” tuj kriis Formiketo.

“Neeble” mi diris olimpe-aplombe, “Pasolini diris ...”

“... mi vidis!”

“Eble estis malalta stelo hazarde vidata tra la branĉoj ... “

“Ho, estu serioza! Ĉu ankaŭ tiu estas malalta stelo?!”

Ne, la dua moviĝanta lumero zigzaganta super aleo ne povis esti malalta stelo, ĝi certe estis lampiro. Je laŭta konfirmo, jen tria, kvara, kvina lumeroj montriĝis antaŭ ni, aliaj dekstre, aliaj maldekstre. Julia triumfis:

“Ĉu vi vidas? la lampiroj reaperis!”

Jes, ili reaperis. Ĉu la poluado malintensiĝis, ĉu la lampiroj lernis vivi malgraŭ ĝi, ĉiuokaze Pasolini jubilus, se li ankoraŭ estus inter ni!

---

## 5. ĈU ABELO AŬ FORMIKO?

En mia familio troviĝis multaj diligentaj anoj. Kaj miaj geavoj, kaj miaj gepatroj, krome ĉiuj geonkloj estis vere agemaj. Ili ĉiuj, dum la tuta vivo aktivadis. Eĉ maljuniĝinte ili trovis por si iun agadon.

Ekzemple, la avo de mia patrina aĉetis kaprinon kaj ĉiutage li iris kun “Biri” al la najbara monteto, por paŝtigi ŝin. Biri estis tre dankema pro ĉiutaga freŝa herba-manĝado kaj donis multan lakton ĉiutage. Krome, ĉiun duan jaron ŝi naskis kapridon, eĉ en unu jaro ŝi naskis ĝemelajn kapridojn.

Same agema mia Dolĉapatro, kiu post la emeritiĝo komencis brodi kaj ĝismorte produktis belegajn brodaĵojn.

Nur unu familiano estis neaktiva, sed ŝi estis malsana, tial ŝi ne povis labori. Mia kompatinda kuzino havis tuberkulozon, eĉ operaciita ŝi estis. Ofte ŝi konstatis pri si mem: “Mi estas la parazito de la familio. Ĉiuj laboregas kiel diligentaj abeloj, krom mi kiu — simile al la mallaborema virabelo — nenifaras.”

Bedaŭrinde, ni neniam havis abelfamiliojn, kvankam mi tre ŝatis ilin — krom se ili pikis min. Najbara maljunulino havis en la ĝardeno tri familiojn de abeloj. Kiam mi vizitis ŝin, volonte ŝi montris al mi la abelkestojn kaj klarigis al mi ilian laboron. Ŝi ĉiam regalis min per

mielo, kiun mi amegis dum mia tuta vivo.

Unu tagon, kiam mi vizitis la maljunulinon, ni diskutis pri la diligenteco — koncerne abelojn — kaj mi demandis ŝin, ĉu laŭ ŝia opinio estas pli diligentaj la abeloj aŭ la formikoj. Tiam ŝi diris al mi: “Vidu! Fakte kaj la abeloj kaj la formikoj estas diligentaj estaĵoj. Sed ĉu Ci aŭdis, ke oni bredas formikojn?” Memkompreneble mi ne aŭdis. Tamen estas unu diraĵo: “Tiu homo laboradas kun formika diligento!” Kaj neniam mi aŭdis iun ajn diri: ... “kun abela diligento”. Verdire, la abeloj estas pli utilaj estaĵoj por la homaro ol la formikoj.

Post jaroj mi legis teruraĵon: ekzistis landoj, kie oni ekzekutis la mort-kondamnitojn pere de iuspeca ruĝa formiko. Oni portis la kondamniton al arbaro, forte ligis lin, ke neniel li povu liberiĝi, kaj lasis lin tie. La verdikton plenumis la ruĝaj formikoj. Ili amase kovris la tutan homan korpon kaj fulmrapide manĝis lin vivantan. Nur la skeleto restis, ĉar la ruĝaj formikoj ne ŝatas ostojn.

Tion leginte, iomete mi ektimis la formikojn. Tamen, nun, treege ĝojigas min la fakto, ke mia edzo donis al mi la karesnomon: Formiketo.

**B.** Ambaŭ specioj vivas en sociaj organizoj eksterordinare komplikaj kaj rafinitaj. Ekzistas diferencaj klasoj de individuoj: la reĝino ovofaranta, la maskloj fekundantoj kaj nenifarantoj, la militistoj defendantaj la urbon, la laboristoj sterilaj kaj ege laboremaj. Ĉiu klaso plenumas ekzakte difinitajn taskojn. Tiuj ĉi sociaj organizoj prezentas interesajn analogiojn kun sociaj utopioj elpensitaj de pluraj filozofoj kaj verkistoj ekde antikvaj ĝis modernaj epokoj: *Respubliko* de Platono, *Suna Urbo* de Tommaso Campanella, *Utopio* de Thomas More, *Brava Nova Mondo* de Aldous Huxley kaj aliaj similspecaj utopioj.

Multaj homoj taksas la abelojn utilaj, ĉar ili faras mielon de homoj ŝatatan, kaj taksas la formikojn malutilaj aŭ almenaŭ senutilaj, ĉar ili ĝenas la homojn kiam ili piknikas surherbe. Temas pri antropocentraj pritaksoj.

Ekzistas formikaj kaj abelaj triboj pacaj, aliaj agresemaj, ĝuste kiel la homaj triboj. La ruĝaj formikoj estis uzataj de speciale ferocaj homaj triboj por ekzekuti mort-kondamnitojn. En tiuj okazoj, la kanajloj ne estas la ruĝaj formikoj, sed la homaj triboj havantaj similajn kutimojn.

---

## Solvo de la enigmo sur paĝo 12

*SOLVO: Ne ekzistas solvo. Temas pri logika paradokso.*

# La Mirmekobo



Kiel besto, la Mirmekobo (*Myrmecobius fasciatus*) estas preskaŭ elmortinta en sia indiĝena teritorio. Sed en sia revua formo, ĝi estas internacie havebla senpage, kaj ni esperas ke vi enhejmigos ĝin, nutros ĝin per viaj legado kaj kontribuo de enhavo, kaj ĝuados ĝin.

Adreso por ĉiuj komunikaĵoj, por peti ekzempleron aŭ por peti abonon, kaj por sendi kontribuaĵon:

mirmekobo@mac.com

Abono al la revuo estas senpaga. Ĉar neniuj surpapere presitaj ekzempleroj ekzistas, neniu preskosto ekzistas. Se vi deziras mem per via komputila presilo presi ekzemplero(j)n, por vi mem aŭ por aliaj, tion vi rajtas fari laŭdezire kaj senpage.

La revueto Mirmekobo estas sendependa, kaj subtenas neniun ismon. Artikolojn povas kontribui iu ajn. Tre bonvenaj estas literaturaĵoj: noveloj, poemoj, prozaĵoj iaspecaj; esprimoj de vidpunkto; historiaĵoj; prezento de interesaj hobioj; biografiaĵoj, aŭtobiografiaĵoj; legendoj, mitoj… Bildoj, ĉu fotoj, ĉu desegnaĵoj, ĉu klarigaj, tre bonvenos. Reklamojn, anonc(et)ojn, propagandon, lingvajn studojn aŭ kritikojn, pornaĵojn, Mirmekobo malakceptas. La redaktoro rajtas akcepti, modifi, aŭ malakcepti ian kontribuaĵon, kiun li opinias malkonforma al la karaktero kaj reputacio de la revueto. Korektojn evidente bezonajn li rajtas fari, konsultinte la verkinton.


Malnovaj numeroj de *Mirmekobo* troviĝas ĉe www.gazetejo.org/mirmekobo kaj ankaŭ ĉe la retejo de la redakcio:

http://web.me.com/donbroadribb1/

Redaktoro: Donald Broadribb